UNUA JARO. — N° 5. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 6 AŬGUSTO 1905.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
**S° Paul BERTHELOT**
CÉRET (P.-O.) Francol.

Nenian manuskripton sendu al la Administranto.

REDAKTADO :
**S° Ch. LAMBERT**
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francol.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : **3** fr. por la tuta mondo.
10 abonoj je la sama adreso : **24** fr. nur en Franclando.

REKLAMO-ANONCOJ
**Agento Ĝenerala : S° EMILE GASSE**
51, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

*La numero* **6** *de* **Esperanto** *eliros DIMANĈO 20 AŬGUSTO.*

## LA KONGRESO

Hodiaŭ matene, *je la naŭa*, en la Urba Teatro, kunveno de la kongresistoj, laŭ nacioj : ekzameno de l'projektoj ; elekto de la parolontaj delegatoj.

Ĉe *la dua*, ekskurso en *Wimereux* per speciala vagonaro. Vizitado de la banejo. Kuradoj de *Aubengues*.

Ĉe *la naŭa vespere,* granda koncerto esperantista.

Morgaŭ, lundo 7[a], *je la oka matene*, kunveno de ĉiuj delegatoj : legado de projektoj, fiksado de l'uzo de tempo ĝis la fino de la Kongreso.

## TUTMONDA LIGO ESPERANTISTA

### Letero kaj projekto de D<sup>ro</sup> Zamenhof

(FINO)

II

ALDONO

Por eviti ĉian malkompreniĝon, mi atentigas la legantojn, ke mian projekton mi publikigas ne kiel ian nepran *deziron* de mia flanko sed nur kiel *supozon*, por la okazo, se la Kongreso decidos akcepti ian pretan organizacion kaj se neniu pli bona projekto estos prezentita.

Kiam mia projekto estis jam sendita por publikigo al S[ro] Michaux, mi komencis ricevadi diversajn leterojn, el kiuj mi konvinkiĝis ke la esperantistoj kredeble ne volonte akceptos ion pretan. Tial, por eviti ĉian moralan premon, mi intencas prezenti al la voĉdonado de la Kongreso antaŭ cio la sekvantan demandon :

« *Ĉu la Kongreso opinias, ke ia komuna organizacio por la Afero Esperantista estas dezirinda aŭ ne dezirinda* » ?

Tiun ĉi demandon estas necese fari, ĉar kelkaj esperantistoj esprimis la opinion, ke Esperanto devas esti ne « *afero* », sed nur « *lingvo* », kaj simile al ĉiu alia lingvo ĝi ne devas posedi organizacion.

Se la Kongreso decidos, ke organizacio ne estas dezirinda, tiam ni proponos al voĉdonado kelkajn proponojn pri tio, kiamaniere la lingvo devas plue disvatiĝadi kaj kiamaniere devas esti solvataj diversaj dubaj demandoj en nia lingvo.

Se la Kongreso decidos, ke organizacio estas dezirinda, tiam ni proponos por voĉdonado la sekvantan demandon :

« *Ĉu la Kongreso deziras akcepti pretan organizacion, aŭ ĝi deziras nur elekti provizoran Centran Komitaton, kiu, esplorinte ĉiujn prezentitajn kaj prezentotajn projektojn, mem ellaboros definitivan projekton de organizacio, kiun ĝi prezentos por aprobo al la venonta dua Kongreso* » ?

Se la Kongreso deziros havi ion pretan, tiam mi kaj la aliaj aŭtoroj antaŭlegos niajn projektojn ; kaj la Kongreso elektos per voĉdonado tiun projekton, kiun ĝi trovos la plej oportuna.

Se la Kongreso deziros havi por la unua tempo nur provizoran Centran Komitaton sen difinita regularo, tiam mi intencas proponi ke oni elektu por la provizora Centra Komitato la sekvantajn personojn :

a). La redaktorojn de ĉiuj gazetoj esperantistaj, kiuj estis eldonataj ne malpli ol en la daŭro de ses monatoj ;

b). La prezidantojn de ĉiuj grupoj esperantistaj, kiuj havas ne malpli ol 100 membrojn ;

c). La prezidantojn de ĉiuj tutlandaj societoj esperantistaj.

Kompreneble la membroj de la Kongreso havos la rajton proponi ankaŭ ian *alian* manieron de elektado de la Centra Komitato, kaj la Kongreso elektos laŭ tiu maniero, kiun ĝi trovos la plej bona.

Tiuj el la elektitaj personoj, kiuj troviĝas en la Kongreso, faros inter si apartan kunsidon, en kiu ili decidos pri la maniero de sia estonta agado kaj elektos inter si Sekretarion (eble ankaŭ Prezidanton), kiu zorgados pri la kondukado de la aferoj de la Komitato.

D[ro] ZAMENHOF.

### Dua decido, kaj projekto de l'Komitato de S. f. p. E.

Post tiu publikigo de l'projekto de D° Zamenhof, la Komitato de la Societo franca p. p. Esperanto, malgraŭ sia una decido, publikigis en la Gazeto *l'Espérantiste* de l'30[a] de majo, la sekvantan projekton.

La gazeto *l'Espérantiste* ne sciigas al ni en kiu kunveno la komitato unuvoĉe, post verŝajna disputado, akceptis tiun projekton subskribitan de ĉiuj komitatanoj :

**Projekto**

1. — Ĉiuj Esperantistoj ĉeestontaj en la Boulogne'a Kongreso estos petataj voĉdoni pri la principo mem de Centra Komitato Internacia kaj pri la sekvantaj punktoj.

2. — La Centra Komitato havos nur lingvan rolon. Ne reformante nek ŝanĝante Esperanton, ĝi zorgos : 1[e] eligi el niaj vortaroj kelkajn diferencojn, kiuj eniĝis en ilin ĉu per presa eraro, ĉu alie ; 2[e] decidi pri la aldonajoj, kiuj povas esti farataj sen rompo de la estinteco kaj sen foriĝo de la spirito de Esperanto ; 3[e] observi la verkadon de la teĥnikaj vortaroj kaj ilin aprobi.

3. — Por sukcese konduki tiun entreprenon, la Centra Komitato Internacia helpos al si per ĉiuj konsiloj kaj kunlaboroj, kiuj ŝajnos al ĝi utilaj ; ĝi, nome, havos la rajton krei aŭ rajtigi la komitatojn ricevintajn la komision pretigadi la teĥnikajn vortarojn.

4. — La decidoj de la Centra Komitato Internacia estos per si mem devigaj por ĉiu vera Esperantisto. Ili estos konigataj per specialaj cirkuleroj al nia centra organo : *La Lingvo Internacia*, kaj al la diversaj jurnaloj esperantistaj, kiuj havas la plej evidentan utilon komuniki ilin al siaj legantoj. La jurnalo, kiu rifuzus tion fari sin apartigus fakte de la korporacio.

5. — La konstitucio de la Centra Komitato Internacia estas fondita, kiel diras ĝia eca epiteto, sur la principo de l'internacieco, sed internacieco *per lingvoj*.

6. — Ne severege limigante sin en tiu nombro, la Centra Komitato Internacia ne enhavos pli ol dudekon da membroj, reprezentantaj almenaŭ la lingvojn sekvantajn : germanan, anglan, hispanan, francan, hungaran, italan, portugalan, rusan, svedan, por ebligi bonan lingvan konsiliĝadon pri la novaj vortoj alprenotaj.

7. — Kiam ĝi estos elektita, la Centra Komitato Internacia sin konstantigos mem kiel ĉiuj lingvaj komitatoj, ĉiuj akademioj, zorgante mem pri la anstataŭigo de siaj eksiĝintaj aŭ mortintaj membroj, elektante, se estos bezone, novajn membrojn por sin plenigi, sed ĉiam laŭ la principo de l'internacieco *per lingvoj*.

8. — Ĉar doktoro Zamenhof povas pli bone ol kiu ajn montri al la kongreso la Esperantistojn plej kapablajn por esti la unuaj membroj de l'Centra Komitato Internacia, la kongresanoj estos invititaj voĉdoni laŭ listo, kiun li formos.

9. — Por ke tiu voĉdono esprimu laŭ kiel eble plej granda mezuro la opinion de l'forestontoj, la diversaj Societoj esperantistaj estas admonataj rajtigi siajn delegitojn por tiu punkto. Cetere, ĉion rigardante, oni povas tre deziri, ke ili permesu al la delegitoj partopreni, *je l'nomo de la Societo*, en la decidoj farotaj de la kongreso.

10. — Principe kaj rajte doktoro Zamenhof estos prezidanto de la Centra Komitato Internacia. Li decidos libere pri ĉiuj punktoj, kie troviĝos malkonsento.

11. — La Komitato elektos mem sian administrantaron, kiu enhavos : la prezidanton, unu vicprezidanton, unu sekretarion-kasiston, unu helpan-sekretarion.

12. — La membroj de l'Komitato, necese disaj, interkomunikiĝos per cirkuleroj, kiujn sendos al ili la sekretario-kasisto, konsente kun la prezidanto. Tiuj cirkuleroj precizigos la demandojn, pri kiuj ili devos esprimi sian opinion aŭ voĉdoni.

La decidoj faritaj, laŭ la respondoj ricevitaj kaj komunikitaj al la administrantaro, estos raportataj al la mondo esperantista en la maniero montrita ĉe la 4[a] paragrafo.

Ĉia membro de la Komitato devos respondi kun kiel eble plej granda rapideco kaj, supozante la plej grandan malfruecon, post ok tagoj.

13. — La Centra Komitato kunvenos je l'okazo de ĉia ĝenerala Kongreso de l'Esperantistoj Se la prezidanto ne povos veni, la faritaj decidoj havos forton devigan nur kiam li estos voĉdoninta koresponde.

14. — Ĉiu prezidanto alia ol doktoro Zamenhof havos nur unu voĉon, kiel kiu ajn membro de la Komitato ; sed, laŭ la kutimo, tiu voĉo estos decidiga, se okazos egaleco en la voĉdonoj.

15. — Por pagi la korespondadajn elspezojn de l'Centra Komitato, ĉia grupo esperantista estas petata preni kvin frankojn el sia kaso kaj ilin sendi ĉiujare al la sekretario-kasisto.

### Projekto de S° Lambert.

Tiu ĉi projekto estas esence simpligo de tiu de D[ro] Zamenhof, kun formeto aŭ ŝanĝo de kelkaj detaloj kaj enmeto de ideoj eltiritaj el ceteraj projektoj. Ĝi estas sufiĉe ĝenerala, por ke ĉiuj anoj de la unua kongreso rajtu voĉdoni pri ĝi.

**Tutmonda Ligo Esperantista**

1. — Estas kreita Tutmonda Ligo Esperantista.

2. — Ĝi konsistas el ĉiuj societoj, grupoj, kluboj aŭ personoj, kiuj oficiale akceptas la *Fundamenton de Esperanto* kaj la decidojn faritajn de la Ligo mem aŭ de ĝiaj aŭtoritatuloj. Ciuj aliĝoj societaj aŭ personaj estas senditaj al D[ro] Zamenhof aŭ al aŭtoritatuloj rajtigitaj.

KOMITATO CENTRA KAJ AKADEMIO

3. — Estas kreitaj komitato Centra kaj Akademio.

4. — La Komitato Centra konsistas el tiom da personoj, kiom D[ro] Zamenhof juĝas oportuna. Ĝi sin okupas :

a) Pri ricevo de aliĝoj al la Ligo.

b) Pri praktika plenumado de ĉiuj decidoj de la Ligo.

c) Pri koncentrigo kaj diskonigo de informoj.

ĉ) Pri rimedoj de *internacia* propagando.

d) Pri aranĝado de la kongresoj.

5. — Tuj post la unua kongreso, ĉiujn membrojn de la komitato centra elektas D[ro] Zamenhof, en ĉiu sekvanta kongreso eliĝas triono de ĝiaj membroj (reelekteble), kaj la kongreso anstataŭas ilin per aliaj.

6. — La administrajn agojn de la Komitato Centra aprobas la kongresoj.

7. — La Akademio konsistas el tiom da membroj, kiom D[ro] Zamenhof juĝas oportuna. Ĝi sin okupas nur pri solvado de lingvaj duboj kaj pri pliriĉigo de la lingvo. Ĝiaj lingvaj decidoj fariĝas devigaj nur en okazoj, kiam D[ro] Zamenhof mem juĝas necesa fari ilin leĝojn.

8. — La aŭtoro de lingvo elektas ĉiam la Akademianojn. Ili estas elektitaj por daŭro de tri jaroj (reelekteble).

9. — Oni povas esti samtempe Komitatano kaj Akademiano.

10. — La Komitato Centra kaj l'Akademio decidas mem pri sia organizacio kaj pri la praktikaj rimedoj de sia agado. Ili tuj funkciadas laŭ tiuj ĉi organizaj decidoj, kiujn ili poste proponas al l'aprobo de la proksima Kongreso.

LIGESTRO.

11. — La ligestro estas la aŭtoro de la lingvo (1).

a) Li estas Prezidanto de la Komitato Centra kaj de l'Akademio.

b) Li elektas la Akademianojn.

c) Li donas aprobon al la verkoj, ĉu per si mem, ĉu per komisiitoj, laŭ sia volo.

ĉ) Li sola rajtas proponi lingvajn ŝanĝojn al l'aprobo de la Ligo, post konsilpreno de l'Komitato Centra kaj de l'Akademio.

* * *

Nun niaj legantoj scias kiuj estos la projektoj proponotaj en Boulogne-sur-Mer. Ankaŭ aliaj prezentiĝis : oni ilin trovos en la broŝureto speciala eldonita pri tio de la organizantoj de l'Kongreso.

Tamen en tiu libro ili ne trovos la projekton de S° Lambert, direktoro de Esperanto, tial ke tiu lasta projekto, inspirita de ĉiuj antaŭuloj, povis naskiĝi nur la lasta. Nun, bone pripensu, kaj la favora genio de l'Esperanto vin inspiru !



(1) Pro la modesteco de D[ro] Zamenhof, ni devas klare esprimi nian deziron, ke li ĉiam regadu nian aferon.

## TRARIGARDO

Eble, tre mallonga trarigardo tra la projektoj diskutotaj en la Kongreso Boulogna havus intereson !

Kiu legis la diversajn projektojn konkludos ke la plimulto da Esperantistoj deziras ke ekzistu 1[e] unu Centra Komitato, kiu havos aŭtoritaton por ĉiu demando koncernanta la lingvon ; 2[e] unu Centra Komitato kiu organizos Ligon internacian de niaj grupoj, helpos la propagandon, aranĝos internaciajn interrilatojn k. t. p.

Sed *unuj* volas ke la sama Centra Komitato posedu ĉiun povon kaj okupu sin samtempe pri la lingvo kaj la administracio de nia afero ; *aliaj*, ke tiuj du okupadoj estu klare disigitaj kaj komisiitaj al du komitatoj diferencaj ; *aliaj*, fine, ke ekzistu nur komitato por la lingvo.

Ŝajnas ke

1[e] du Komitatoj estas necesaj ;

2[e] tiuj Komitatoj estos diferencaj, laŭ la leĝo de la divido de laboro. Alie, ne estus eble fari bonan laboron.

* * *

I. — Ke *Ligo Internacia* estos tute utila por faciligi la internaciajn interrilatojn, organizadi internacian propagandon, sed nur en internaciaj okazoj, k. t. p. S° Carlo Bourlet klarege pruvis en *Esperanto* (n° 2, 2 julio 1905). Cetere, li montris ke ĉiuj societoj naciaj devas esti kiel eble plej sendependaj.

La Komitato de tiu Ligo ne okupos sin pri la lingvo. La membroj elektitaj de niaj Grupoj aŭ la kongresanoj ne havos necese kompetentecon lingvan. Estas nur dezirinde ke ili posedu lertecon por organizado, sindonemon por nia afero, volon dediĉi al la propagando siajn penojn, sian tempon aŭ eĉ nur sian monon. Ili estos renovigeblaj kaj elektitaj nur por determinita tempo. La plej agemaj povos elmontri sian iniciativon kaj klopodi por pravigi aŭ de nove meriti la konfidon de la elektantoj. Cetere kaj plie, ili apartenos al iu ajn lando.

II. La Centra Komitato lingva aŭ por eviti konfuzojn, la *Akademio* okupos sin nur pri la lingvo, havos nur lingvan rolon kaj specialan kompetentecon. Neniu neos ke lingvaj aferoj estas malfacilaj, ke por elekti plej bonajn radikojn, konservi la unuformecon de la lingvo, decidi la dubajn punktojn, kompetenteco speciala estas necesa kaj ne por ĉiuj facile akirebla.

La Akademio do gardos la tradicion, eligos el la vortaroj la diferencojn kaj daŭrigos la verkadon senliman, neniam finitan de teĥnikaj vortaroj. La Akademianoj estos elektitaj nur pro sia scienco kaj por sia tuta vivo. Kiam unu el ili mortos aŭ eksiĝos, la aliaj elektos anstataŭanton. Tiamaniere, ilia sperto jam granda en la tago de ilia elekto, kreskos, firmiĝos per la ekzerco de ilia ofico. Okupante sin nur pri la lingvo, ili staros super la grupoj, komitatoj ŝangeblaj aŭ kelkatempaj, malproksime de la batalo varma, ilia aŭtoritato neniam estos disputebla, neniam disputita. Nemortemaj, ili certigos la senmortecon de nia lingvo.

III. Kiel elekti tiujn Akademianojn ? Sendube estas ke Esperanto estante longvo formita per radikoj plej uzataj en lingvoj europaj, t. e. uzataj de plimulto da homoj, ĉiu lingvo eŭropa necese havos reprezentantojn kaj la nombro da tiuj reprezentantoj estos proporcia laŭ la graveco de la lingvo kiun ili parolas, t. e. laŭ la nombro da homoj kiuj parolas ilian lingvon. Kompreneble, en la Konsiliĝado pri la novaj vortoj alprenotaj, naskiĝus danĝero se plimulto da Akademianoj estus Francoj aŭ Angloj au Germanoj...

IV. Fine, kiu elektos tiujn Akademianojn ? Ni diris ke la Akademianoj estos elektitaj pro sia scienco. Kiu do povos pli bone juĝi tiun sciencon ?

*Unuj* deziras ke la kongresanoj elektu la Akademianojn. Antaŭ ĉio, ĉu tio estas ebla ? La kongresanoj ne reprezentos la tutan Esperantistaron. Tiuj kiuj ĉestos en kongresoj ne estos la plej lertaj, kiel diras tre ĝuste C. Bourlet, sed la plej riĉaj kaj precipe kiuj loĝas en la lando aŭ proksime de la lando kie ĉeestos la kongreso. Plie, kiel voĉdonus Esperantistoj dissemitaj en

la tuta mondo, kiuj ne konas unu la alian, kiuj ne konas la meriton unu de la alia kaj ofte estas nekapablaj decidi pri tiu ĉi merito ?

*Aliaj* diras ke, ĉar D° Zamenhof povas pli bone ol kiu ajn montri al la Kongreso la Esperantistojn plej kapablajn por esti la unuaj membroj de l'Akademio, la Kongresanoj estos invititaj voĉdoni laŭ listo kiun li formos.

Fine, mi proponas jam de du jaroj kaj mi proponas tute simple ke D° Zamenhof mem elektos la Akademianojn kiuj poste zorgos mem pri la anstataŭigo de siaj eksiĝintaj aŭ mortintaj membroj.

Kion do signifas tiu voĉdono, tiu elekto limigita laŭ listo ? Ciuj Esperantistoj ĉiam obeis la aŭtoritaton de D° Zamenhof ; ĉiuj kongresanoj unuvoĉe aprobos do la aŭtoritaton de la Akademianoj kiuj ricevos tian aŭtoritaton de la kreinto mem de Esperanto, kies ili estos reprezentantoj, delegitoj.

AYMONIER.

## ANALIZO RESUMA

**de projektoj diskutotaj en Boulogne laŭ la programo oficiala.**

I. — **Projekto de D° Zamenhof.** — Tutmonda Ligo Esperantista plejalta kaj decidanta aŭtoritato enhavas ĉiujn Esperantistojn kiuj aliĝas al ia grupo Esperantista.

Ĝi estas regata de Centra Komitato (C. K.) kiu estos elektata ĉiujare de la Kongresanoj.

La C. K. enhavas 25 membrojn, elektatajn po unu persono por ĉiu plena cento da membroj ligorajtaj.

Ĉiujare fariĝos kongreso. Ĉiu grupo sendas al la Kongreso po unu delegito por ĉiu plena deko de siaj membroj.

Ĉiuj decidoj de C. K. estos sankciitaj de la plimulto de la Kongresanoj. Specialaj Komitatoj okupas sin je la kurantaj aferoj.

*Komitato de Agado* plenumas la decidojn de la Ligo kaj aranĝas 1° Propagandon ; 2° Informojn ; 3° Librovendadon.

*Komitato de Lingvo*, 25 membroj, por ĉiuj aferoj lingvaj.

*Komitato de Kongresoj*.

*Komitato de Cenzuristoj*, 25 membroj, por la aprobo de la verkoj.

*Komitato de Ekzamenistoj*, 25 membroj.

II. — **Projekto de Grupo Pariza.** — Tiu projekto estas nur principa propono. Komitato provizora estos elektita de D° Zamenhof, kaj organizos 1° Tutmondan ligon kiu certigos la unuecon de la lingvo kaj kunigos la fortojn de ĉiuj Esperantistoj 2° Centran Komitaton kiu efektivigos tiun ĉi programon.

D° Zamenhof estos prezidanto de la C. K. kies decidoj estos leĝoj neŝangeblaj.

III. — **Projekto de S. f. p. E.** — Estos fondita C. K. havonta la superegan aŭtoritaton sed rolon pure lingvan. Gi ne enhavos pli ol 20 membroj, elektitaj de la Kongresanoj laŭ la principo de l'internacieco, sed internacieco per lingvoj kaj laŭ listo kiun formos D° Zamenhof mem.

IV. — **Projekto de D° M. Seynaeve** (Belgujo) aprobas la projekton de S. f. p. E. kaj la principon ke la C. K. havas esence rolon lingvan sed li ion pligrandigas la rolon de C. K. kiu organizos ankaŭ internacian agon de propagando, aprobos la programojn de ekzamenoj, kunmetados la nomaron de la grupoj k. t. p.

V. — **Projekto de Grupo de Saint-Omer.** — Centra Komitato estas lingva aŭtoritato. La Kongreso elektos 21 nomojn el listo kiun proponos D° Zamenhof. La sorto decidos 3 kategoriojn.

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1/3 | nomataj por | 3 | jaroj |
| 1/3 | — | 2 | — |
| 1/3 | — | 1 | — |

Ĉiujare la kongreso elektos la trionon elirantan. Ciu lingvo parolata de pli ol 30 milionoj da homoj havos almenaŭ 1 reprezentanton.

VI. — **Projekto de Kapitano Comte** (Boulogne).

Centra Komitato 1° estas lingva autoritato kaj kontrolas la ekzamenojn ; 2° donas helpon por Delegitoj al Esperantistoj okaze de vojaĝoj aŭ laŭ kia ajn maniero.

20 membroj elektataj por 2 jaroj, de 83 Kongresanoj kiuj reprezentas la diversajn eŭropajn lingvojn. La nombro 83 estas proporcia kun la nombro da homoj kiuj parolas tiujn lingvojn, ekz. Angloj 20, Rusoj 14, k. t. p.

VII. — **Projekto de S° Aymonier** (Grenoble).

Akademio havas aŭtoritaton lingvan absolutan. La Akademianoj estas elektitaj de D° Zamenhof mem, tiamaniere ke ĉiu lingvo eŭropa havu unu au kelkajn reprezentantojn, proporcie kun la nombro da homoj kiuj parolas ĉiun lingvon eŭropan. Post morto aŭ eksiĝo de Akademiano, la aliaj elektas anstataŭanton samlingvanon.

VIII. — **Projekto de S° Lambert** (Dijon).

Tutmonda Ligo Esperantisto enhavas ĉiujn Esperantistojn kiuj akceptas la Fundamenton de Esperanto.

Estas kreitaj 1° Centra Komitato kiu sin okupas pri plenumado de decidoj de la Ligo, propagando, informoj aranĝado de Kongresoj...

La membroj estas elektataj de Zamenhof; poste la Kongresanoj ĉiujare anstataŭos trionon de membroj (reelekteble).

2° Akademio, havonta lingvan rolon. Akademianoj elektitaj de D° Zamenhof, mem, por 3 jaroj (reelekteble).

La ligestro estas la aŭtoro de la lingvo, kiu estas prezidanto de C. K. kaj de l'Akademio.

* * *

**Resumo de la Projekto de Deklaracio de D° Zamenhof.**

Esperantisto estas nomata ĉiu persono kiu uzas la lingvon Esperanto.

I. Esperanto estas lingvo internacia neŭtrale homa, kiu celas plifaciligi la kompreniĝadon inter la homoj de malsamaj nacioj kaj ebligi la publikigadon de verkoj egale interesaj por ĉiuj popoloj. Esperanto neniel, neniam sin entrudos en la internan vivon de la popoloj kaj neniom elpuŝos la ekzistantajn lingvojn naciajn.

II. Esperanto estas lingvo arta, ĉar lingvo internacia povas esti nur lingvo arta. Esperanto estas la sola lingvo arta finita, ĉiuflanke elprovita, vivipova kaj en ĉiuj rilatoj pleje taŭga. Kiu aprobas la principon de lingvo internacia, devas aprobi Esperanto. Ciuj Esperantistoj kaj la autoro mem de la lingvo aliĝus al alia lingvo se alia montriĝus pli perfekta.

III. Esperanto estas elpensita de D° Zamenhof, sed Esperanto estas propraĵo de neniu. La Fundamento de la lingvo estas verketo de D° Zamenhof « Fundamento de lingvo » kiu ĉiam kaj por ĉiuj restados neŝangebla kaj deviga. Do, kondiĉe ke oni absolute observos la « Fundamenton de la lingvo » ĉiu povas uzi la lingvon laŭvole kaj por ĉiuj eblaj celoj. Tamen estas rekomendate kaj precipe al la komencantoj imiti la verkojn de la kreinto de la lingvo aŭ la verkojn de li aprobitajn.

IV. Pri ĉiuj duboj kiuj aperos en la uzado de la lingvo, decidas ĉiam la Centra Komitato Esperantista, elektita de (*la Kongreso decidos kiamaniere tiu komitato estos elektata*). Decidoj de la komitato estas devigaj por ĉiuj Esperantistoj.

AYMONIER.

## DIVERSAĴOJ

**Tra niaj kolegoj.**

Jam estas proksimaj la tagoj en kiuj la esperantistoj kunvenontaj en Boulogne-sur-Mer devas konsenti gravajn decidojn por la sukceso de Esperanto. La boneco de nia entrepreno malpermesas ke ĝi falu, pro la batoj de la homaj malperfektaĵoj, sed la neuniiĝo inter la esperantistoj kaj la laborado pli malpli kaŝita kontraŭ la nediskutebla aŭtoritato de la elpensito de la lingvo, nia kara kaj tro modesta doktoro Zamenhof, sendube prokrastus nian definitivan triumfon, kaj eĉ kontraŭstarus tiujn, kiujn ni jam atingis.

La submetiĝon, kiun publike montras la leŭtenanto de nia nediskutebla kapitano, estas por ĉiuj laŭdinda kaj sekvinda ekzemplo. Ni ne estu malhumilaj, ne forgesu la malsimilecon kiu ekzistas inter la kapo kaj la korperoj, kaj ni ĉiam pensu ke estas S<sup>ro</sup> Zamenhof kiu donis al ni la lingvon internacian kaj ni kiuj profitas la elpenson.

*La Suno Hispana* (julio).

**Kongresaĵo.**

Kion la maro disigas, nuntempa spirito kunigas.
Samfamilia titolo por ĉiuj popoloj skribiĝas.
Homo ne estas plu Franco aŭ Anglo, Romano, Barbaro,
Li samregnano nun estas en la imperio de Dio !
De la nacioj la muroj elfalas kaj polvo fariĝas,
Kaj l'unuecon antikvan, Babelan la lingvoj retrovas.
Nun Esperanto per ŝtonoj el ĉiuj nacioj konstruas
Templon por tuta Homaro !

AYMONIER.

El Ameriko ni ricevas bonajn informojn pri la grupo Bostona fondita de S° Harvey (kaj ne Hawey). Ni legis en *New-York Times Book Rewiew*, artikoleton de S. D<sup>r</sup> Henry Y. Piffard, Profesoro emerita el la New-Yorka Universitato kiu prezentas bonege nian aferon.

La *New-York Sun*, 30. IV. 1905 donas protokolon de « Esperanto meeting » organizata de *Allied Arts Association of Brooklyn*, kie oni deklamis la faman solilokon de Hamlet

Ĉu esti aŭ ne esti...

Aliaj notoj en
*New-York Evening Post* — 1. V. 1905
*Boston Herald*. 3. VI. 1905

En Montrealo okazis kunveno de kelkaj amerikaj samideanoj kaj niaj malnovaj amikoj Saint-Martin kaj Beauchemin kiuj daŭras varmege sian propagandon malgraŭ la maldolĉaĵoj kiujn ĝi alportis al ili kiel profito.

## PRI AKADEMIO

Ĉiuj Kongresaj Projektoj — ekceptante tiun de Pariza Grupo — proponas fondi, sub diversaj nomoj, Akademion Esperantan. Pri tio mi priparolas du punktojn : la elekton kaj la rolon de l'Akademio.

1° Laŭ la projektoj de la Societo Franca kaj de S<sup>ro</sup> Aymonier, la Akademianoj, elektitaj por ĉiam, sin konstantigos mem, kiel ĉiuj akademioj.

2° Laŭ ĉiuj projektoj — esceptante tiun de D<sup>ro</sup> Zamenhof, — la Akademio *decidos* pri lingvo ; kaj la S. F. precizigas tiamaniere : « La decidoj de la Centra Komitato estos per si mem devigaj por ĉiu vera Esperantisto. Ili estos konitigitaj... al la diversaj jurnaloj. La jurnalo, kiu rifuzus tion farisin apartigus fakte de la korporacio (§ 4). »

Kiam mi vidis ke, por firmigi sian proponon, la S. F. komparis sian estontan Akademion kun la nacilingvaj Akademioj, mi volis montri la funkciadon de l'Franca Akademio ; sed tiu temo postulus tro longajn detalojn. Mi diros nur tion :

Jes, la Francaj Akademianoj sin konstantigas mem, kaj pro tio ili estas nomataj « senmortuloj ». Sed ili fariĝis fermita societeto, kiu alpreninte « famojn nekonitulojn », ofte formetis grandajn verkistojn. Ne ricevinte la faman *Molière*, ili poste devis meti en sia kunsidejo lian buston kun la surskribo : « Nenio mankas al lia gloro , li mankis al la nia. » Plie la S. F. forgesis ke la Franca Akademio estas ne decidantaro sed konsilantaro. Gia historiinto, Pellisson, priskribis ĝian agadon tiel ĉi : « Kiam prilingva demando aperas, la Akademianoj serĉas nur la kutimon, kiu estas la estro en tiaj aferoj, kaj ili konkludas nur en ĝia favoro. »

Sammaniere la Itala Akademio *della Crusca* en Firenzo verkis nur vortaron, kiu efikis sur la itala lingvo ne pro ĝia aŭtoritateco, kiu ne ekzistis, sed pro sia bonegeco.

Mi venas nun al la antaŭdiritaj punktoj.

Vi volas ke la Esperantoj Akademianoj estu « senmortuloj » elektitaj por ĉiam en la jero 1905. Sed pensu ke ni estas ankoraŭ nun malgranda areto en la homaro, kaj ekster ni estas multego da scienculoj kaj lingvistoj. Kiam la mondo fariĝos esperantista, ĉu vi formetos tiujn for de la Akademio, sub la preteksto ke ili venas tro malfrue ? Ĉu vi diros al ili : « Ni scias, ke vi konas multe pli bone ol ni la lingvan sciencon ; tamen vi devos obei al ni, sen eĉ paroli ? » Kaj kial ? Tial ke, tri mil kongresanoj iam aprobis vian akademianan elekton. Sed kiam la Esperantistoj estos tri milionoj, ili devos do obei tiujn tri milojn ? Jen kio (mi timas ĝin) okazos. Car vi estos preskaŭ nenio en la granda estonta Esperantistaro, oni senaŭtoritatigos vin, oni forlasos vin, oni kreos novan kaj veran Esperantistaran Akademion kontraŭ la via. Kiu kuraĝus opinii ke du Akademioj kontraŭstaros sen danĝero por la lingvo ?

Vi volas ankaŭ, ke viaj decidoj Akademiaj estu devigaj por ĉiuj kaj vi ekskomunias la malobeontojn. Ekzamenu tion ĉi. Baldaŭ la socialistoj almenaŭ fariĝos esperantistoj. Se ili ne obeos vin, ĉu vi elpelos ilin el la Esperantistaro ? Elpelu ! Ili fariĝos tiam eksesperantistoj. Kaj la eksesperantistaro, per sia nombrego, ridindigos la esperantistareton, sindirantan ortodoksa. Eĉ se nia nombro ne tiom kreskas, kiu efektivigos vian ekskomunion ? Kia estas via sankcio ? Ekzemple, antaŭ ne longe oni ekskomuniis *La Lumon* kanadan pro ŝanĝeto de skribado. Se la kanadanoj ne estus estintaj sufiĉe disciplinemaj, por forigi per si mem sian proponon, kiu estus deviginta ilin ? Tuj estus naskiĝinta skismo. Car la dogmaj leĝoj kaj la despotismo necese naskas skismojn kaj ribelojn.

Kontraŭe supozu, ke la Akademio donos nur konsilojn. Unue neniam okazos skismoj, ĉar nenia ekskomunio ebliĝas. Plie el la libereco venas ne konfuzo sed kora konsento ; la homoj, kiuj instinkte dejetas la truditajn leĝojn, akceptas volonte la konsilojn. Ili do metos en kutimo viajn konsilojn, kiujn la kontrolanta uzado iom post iom leĝiĝos. Ne timu ! Oni parolas nur por esti komprenata. Do la Esperantistoj ĉiam parolos kaj skribos tiamaniere, ke la aliilingvuloj ilin komprenos. Kaj por tio ili nature alprenos la vortojn kaj dirmanierojn, kiujn la Akademio estos proponinta, ĉar ĝi estas la sola lingva internacia konsilantaro. El tio rezultos, ke la Akademio plene trafos sian celon sen perforto, sen danĝero de skismo, kun la aprobo de ĉiuj, el kiu venas la vera aŭtoritato.

Mi konkludas :

Akademianoj elektitaj *nun por ĉiam* estos baldaŭ senaŭtoritataj kaj danĝeraj ;

Akademiaj decidoj *devigaj* estos baldaŭ senaŭtoritataj kaj danĝeraj.

CH. LAMBERT.

## « PACIFISTO »

**INTERNACIA SOCIETO ESPERANTISTA POR LA PACO**

### Protokolo

I. — La 6-an de aprilo 1905, je la duono de la naŭa, kunvenis en la sidejon de la *Federacio de l'Universitatoj Popolaj* (28, rue Serpente, en Parizo) kelkaj Esperantistoj diversnaciaj kiuj decidis unuvoĉe, laŭ la propono de Sinjoro GASTON MOCH, fondi Internacian Societon Esperantistan por la Paco, nomatan « *Pacifisto* ».

Post detala disputo, ili akceptis unuvoĉe regularon, difinitan por regi la Societon ĝis la unua kunveno ĝenerala.

Pri la loko, kien estos kunvokata tiu kunveno, oni elektas Lucernon, kie sidos, laŭ la regularo, la unua kunveno ĝenerala ordinara, ĉar la 14-a Kongreso universala por la Paco fariĝos en tiu urbo, en septembro.

Estis elektataj, unuvoĉe, kiel provizora komitato, Sinjoroj :

ARNAUD, Emile, notario.
CASEVITZ, Henri, inĝeniero, eldonisto ;
CHAVET, Gabriel ;
MEUNIER, Charles, eks-inspektoro de la riveroj kaj arbaroj ;
MOCH, Gaston, eks-kapitano de artilerio ;
Fraŭlino PETROVITCH, instruistino.

Fine estis decidata la fondo de revuo, nomata « ESPERO PACIFISTA », kiu estos la organo oficiala de la Societo. La Komitato zorgos por ĝia apero, tuj kiam estos eble.

Estas petataj informi Sinjoron G. Moch, tiuj kiuj povos kunlaboradi, speciale per regula sendo de novaĵoj pri la movado pacifisma, kaj resumo de interesaj artikoloj pacifismaj aŭ raportoj pri novaj libroj.

### Eltiroj de la regularo (1)

**I. Celo, rimedoj por agado, kaj sidejo de l'Societo**

ARTIKOLO I-a. — La internacia Societo esperantista por la Paco « *Pacifisto* » celas :

1° Propagandi l'ideon solvi la malkonsentojn internaciajn per interkonsento aŭ juĝo, kaj laboradi por la reciproka alproksimiĝo de la popoloj, por ke la sistemo de organizita paco anstataŭu la sistemon de paco kun armado.

2° Plifaciligi la taskon de la aliaj societoj por la Paco, propagandante inter ili la scion kaj uzadon de Esperanto.

Ĝi malpermesas al si ĉian alian agadon, kaj nome ĉian disputadon aŭ propagandon rilatan al la interna politiko de la regnoj kaj al la religiaj demandoj.

2. — La ĉefaj rimedoj por la agado de la Societo estas :

Publikigi la esperantan tradukon de la oficialaj dokumentoj kaj precipaj verkoj, kiuj interesas la pacifistan propagandon, kaj eldoni per Esperanto originalajn verkojn, nome revuon, kiu estos ĝia oficiala organo ;

Instigi la tradukadon kaj eldonadon per Esperanto de ĉiuj verkoj rilataj al ĝia celo ;

Fondi regionajn grupojn por la studado kaj propagando de la pacifistaj ideoj ;

Posedi fiksajn aŭ rondirantajn librarojn, tiel ĉe la societa sidejo, kiel en la grupoj ;

Havigi la verkojn pri pacifismo aŭ Esperanto ;

Organizi publikajn aŭ privatajn paroladojn, ktp.

3. — La societa sidejo estas en (1) . . . ĉe la loko fiksita de la centra komitato.

**II. Societanoj. Kotizaĵoj**

4. — Ĉiu persono deziranta kunlabori po la tasko difinita de la unua artikolo povas partopreni en la societo.

La peton por akceptiĝo oni devas sendi al la centra komitato aŭ, se grupo ekzistas en la loko, al la komitato de tiu grupo. Tiu komitato decidas pri la akcepto, kiu estas publikigita en la revuo.

6. — Ĉiu societano pagas ĉiujare kotizaĵon po 5 frankoj. kiu rajtigas lin partopreni en la ĝeneralaj kunvenoj, ricevi senpage la revuon, ricevi senpage aŭ rabate la aliajn societajn eldonaĵojn, kaj partopreni en ĉiuj aliaj utiloj donataj al la societanoj (kiel ekzemple la rabataj anoncoj en la revuo.)

7. — Kiel escepto de la artikolo 6-a, kelkaj, personoj, ĝis la nombro 5, povas kolektiĝi por pagi opan kotizaĵon.

Tiu kotizaĵo konsistas je monsumo da 5 frankoj, kun aldono po 50 centimoj de ĉiu partoprenanto. Gi rajtigas ricevi nur unu eksempleron de la revuo kaj de la senpagaj eldonaĵoj, sed la partoprenantoj havas pri ĉiu alia afero la saman rajton, kiel ĉiuj aliaj societanoj.

9. — La Societo petadas kaj akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj povas helpi al ĝia agado.

**V. Grupoj lokaj**

20. — Ĉiu loka grupo devas enhavi almenaŭ 20 membrojn.

21. — La lokaj grupoj estas tute sendependaj, tiel de la societo, kiel unu de la alia. Ili regas sian organizadon kaj regularon ; iliaj membroj partoprenas en la societo en la aparte kategorio kaj kun la rajtoj kiuj rilatas al siaj kotizaĵoj, laŭ la sekvantaj kondiĉoj :

1° Ilia fonda regularo devas enhavi la I-an artikolon de tiu ĉi regularo, sen ia kondiĉo kontraŭa ;

2° Ili enkasigas la kotizaĵojn de siaj membroj kaj pagas almenaŭ tri kvaronojn de ili al la societo, konsentite ke ĉiu kotizaĵo ordinara, supera aŭ opa, rajtigas por unu abono je la revuo kaj la senpagaj eldonoj.

**VII. Finiĝo de la Societo**

26. — En okazo de finiĝo de l'Societo, ĝia havo, kun la havo de la lokaj grupoj, estos donacata al la *Komisio internacia por la Paco* (nuntempe sidanta en Berno), aŭ, se tiu komisio tiam ne ekzistos plu, al ia simila societo.

(1) Tiu regularo estos definitiva nur post sia akcepto de la kunveno ĝenerala, kiu sidos en Lucerno, en septembro 1905.

(1) La provizora sidejo estas en Parizo. Oni adresu ĉiujn komunikaĵojn al S-ro Gaston MOCH, *16, Avenue de la Grande-Armée, Paris, 17°*.

